# Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Julio 2004 MENSUEL/MONATA 75-a jaro, n-ro 7 (1189)

ISSN 1163.0442 5 €

*Pri la enhavo de artikoloj respondecas la aŭtoroj mem*

**http://www.sat-esperanto.org/ *** retadreso: satesperanto1@free.fr**


77-a SAT KONGRESO

BRATISLAVA

2004-08-14/21

# ĈEFURBO DE SLOVAKIO ATENDAS VIN !



Eŭgeno Adam - LANTI
1879 -2004

*125 jaroj*

SAT-ANOJ KUTIMIĜU AL EKSTERNACIA SENT-, PENS-, KAJ AGADKAPABLO! LANTI

## El la redaktejo...



Karaj, komenciĝas someraj feriaj monatoj kaj vi ricevas la lastan antaŭkongresan numeron. Ĉu vi venos al Bratislava? Nepre venu, ĉar nia Asocio bezonas vin. Vi respondecas pri ĝia estonto kaj ĝia bonfarto.

En tiu ĉi monato ni memoras pri nia fondinto, k-do Lanti, kiu naskiĝis antaŭ 125 jaroj. Memortekston pri li, vi trovos en la paĝo 83. Pri la vivo de tiu erudiciulo legu en la libro "Vivo de Lanti" kiu estas daŭre aĉetebla ĉe SAT kaj en aliaj libroservoj. Ĝi estas bonega legaĵo por ĉiu el vi dum viaj someraj ripoztagoj. Venonta Sennaciulo estos dumonata, aŭgust-septembra, kun la unua raporto pri nia kongreso, en kiu mi esperas renkonti multajn el vi. Bonajn kongreson kaj someron deziras al ĉiuj,

*via Redaktoro.*

Asocia sidejo de S.A.T., administrejo kaj redaktejo: 67, avenue Gambetta, FR-75020 Paris, tel. +33.1.47.97.87.05, telekopiilo: +33.1.47.97.71.90.
Retadreso: satesperanto@free.fr.
TTT-paĝoj: http://www.sat-esperanto.org
Oficejo malfermita: lunde de 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo: 9h30-16h30. Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta Komitato - P. Lévy, G. Rollin kaj K. Barkoviĉ.
Ĉefredaktoro : Kreŝimir Barkoviĉ
Ekspedejo de Sennaciulo: adreso de la redaktejo.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Ricevitajn manuskriptojn oni ne resendas. La limdato de ricevo de manuskriptoj estas la 10-a de kuranta monato.

Imprimé par : S.I.B., B.P. 343, FR-62205 Boulogne-sur-Mer Cedex, Francio.
Aperas monate - Mensuel.
Le directeur de la Publication: Jacques SCHRAM
Abonnement annuel/jara abono France 55 €.
Autres pays/aliaj landoj : peti la tarifon de nia peranto aŭ de la SAT-Centro.
Dépot légal à la date de parution.
Commission Paritaire n° AS-74399
Limdato por ricevo de kontribuaĵoj estas ĉiam la 10-a en la monato.



# *Reeldono de Nova PIV*

## *korektita kaj ĝisdatigita*

*La unua eldono de Nova PIV post iom da tempo elĉerpiĝos kaj ni estos devigataj reeldoni ĝin. Intertempe estas korektitaj eraroj el la unua eldono kaj la nova eldono aperos korektita kaj ĝisdatigita. Bedaŭrinde, por tiu nova eldono, nia Asocio ne disponas pri sufiĉe da mono. Pro tio ni decidis malfermi*

## ***FONDUSON***

### ***por reeldono de Nova PIV***

*Ni invitas SAT-anojn kaj ĉiujn esperantistojn kontribui al tiu fonduso kaj tiel ebligi la reeldonon de PIV. Pro nesufiĉa nombro de niaj membroj el kiuj eĉ granda parto pagas nur simbolan kotizon, la vendo de PIV grave helpas al la financa ekvilibro de nia asocio kaj ĝia normala funkciado. Esperante vian komprenemon kaj malavaran partoprenon en tiu nia entrepreno, ni anticipe dankas al ĉiuj.*

*****

*De tiuj gekamaradoj, kiuj eventuale estas pretaj prunti la monon por tiu ĉi reeldono, ni akceptas*

## ***PRUNTON***

*kiun ni repagos post la vendo de la reeldonita PIV. Elkoran anticipan dankon al ĉiuj partoprenontoj en tiu kampanjo.*

*La P.K. de SAT*

### *SAT-ADRESARO EN LA RETO NUR POR MEMBROJ*

Ĵus aperis ĝisdatigita SAT-adresaro sur la TTT-paĝoj de SAT. Ĝi estas konsultebla nur por la SAT-membroj. Por atingi ĝin de la SAT-hejmpaĝo oni devas kliki sur la butonon ""NUR MEMBROJ" kaj necesas koni la enirnomon kaj pasvorton. Krome ni protektis ĝin kontraŭ la uzo de serĉprogramoj. Ĉiuj SAT-membroj kiuj posedas retaliron povas peti de la SAT-oficejo tiujn du kodojn. Kaze de la demando, ĉiu bonvolu indiki sian SAT-numeron, kiu pruvas lian-ŝian membrecon. Viajn demandojn vi povas sendi per la retpoŝto al adreso : <satesperanto1@free.fr>, aŭ per ordinara poŝto. Se vi trovas erarojn aŭ deziras fari ŝanĝojn en viaj adresoj, nepre informu la Centron. Tiu ĉi adresaro estas deklarita en Francio ĉe CNIL (Nacia Centro por Informadiko kaj Libereco) kiu protektas la identecojn de individuoj, homajn rajtojn, privatan vivon kaj liberecon. Tiu ĉi adresaro estas ĉiutage ĝisdatigata.

*La PK de SAT*

ATENTIGO AL NIAJ KUNLABORANTOJ

Ni petas ĉiujn niajn kunlaborantojn sendi al ni siajn tekstojn ĉu per la reto en la formato de teksto aŭ sur la disketoj en la formatoj de Word, Apple (Claris)Works, aŭ prefere en la formato RTF. Bonvolu nepre tajpi viajn tekstojn per la sistemo x (cx = ĉ, sx=ŝ ktp) ĉar tio ebligas al ni facile transformi la tekston en normalan Esperanton. Se vi sendas tekstojn surpapere, vi tajpu ilin normale. Dankon.

La Redakcio

# 125 jaroj de la naskiĝo de la fondinto de SAT

En la familio Adam naskiĝis la 19-an de julio 1879, sep jarojn post la knabino la dua kaj lasta infano. Ĉifoje knabo. Li nomiĝis Eugène, Aristide, Alfred Adam, poste li famiĝos sub la nomo **Eŭgeno Lanti.** Li baldaŭ superkreskos la hejman medion, definitive forlasos ĝin kaj fariĝos unu el la fundamentantoj de movado, kiu en lia naskiĝjaro estis ankoraŭ nekonata kaj pri kies ekzisto nur revesperis unu fora pola kuracisto.



*Senbarba LANTI el la jaro 1942, ne tre konata al SAT-anoj*

Edukita en tre katolika medio, la juna Eŭgeno estis tre fervora katoliko kaj patrioto. Nature inteligenta kaj tre scivolema, Eŭgeno multe legis, inter alie la "Historion de Religioj " de Renan kaj "Malnovan kaj Novan Testamentojn", kaj post tio li "dolore sentis egan elreviĝon". Arda patrioto li estis ĝis la momento kiam li havis okazon en Rueno aŭskulti la oratoraĵon de Sebastian Faure. Tiu ĉi anarkiisto tiel demagogie skuis lian patriotismon, ke li triafoje herezis kaj eniris en la vicojn de la anarkiistoj. La fanatiketa kaj agresa karaktero en la agadproponoj de Faure tamen ne plene plaĉis al li kaj li kun ŝato aŭskultis iun tagon la socipolitikajn teoriojn de pli modera pensulo, Henry Ner. Li profunde influis Eŭgenon dum ties tuta vivo. Estiĝis inter ambaŭ sincera amikeco, kio kondukos en la tridekaj jaroj al esperantistiĝo de Henry Ner.

Post la jaro 1909, Eŭgeno disponis pri pli da tempo kaj dediĉis sin al socipolitikaj studoj. Li aproprigis al si la ideojn de diversaj anarkiistoj kaj forĝis el tiu idearo sian bildon de alstrebenda socio.

La eksplodo de la unua mondmilito definitive riglis periodon en la vivo de Adam. Kio okazis? Eminentaj liberecanoj, kiel Kropotkin, kiuj antaŭe estis nedubasence kaj tute klare konsentintaj neniam kunlabori kun agado naciece aspektanta, nun en 1914, subite konsilis partopreni la militon kontraŭ la germana militismo. La deklaro sonis absurda kaj ofendis la orelojn de la senkompromisulo. En la servo de tia ismo Adam ne plu deziris resti kaj ero post ero li forskuis sian anarkiistan kredon.

Dum kvar longaj jaroj li militservis ĉe la fronto en norda Francio, feliĉe kiel flegisto. Jam en la jaro 1914, kune kun amiko, pastro Lecomte, li komencis lerni Esperanton.

Revenante de la fronto fine de novembro 1918, Eŭgeno Adam kunportis en sia valizo ankaŭ novajn spiritajn akiraĵojn. La sinteno de anarkiistoj komence de la milito forte skuis lin kaj tio por li ne estis akceptebla. La sukceso de bolŝevistoj en 1917 sekve bonvenis. Nepre subtenenda estis tiu nova unio de sovetaj socialistaj respublikoj. Li konsekvence fariĝis adepto de komunismo, varma pledanto por la reĝimo en Moskvo kaj en decembro 1920, tuj post la fama fondkongreso en Turo, membro de la franca Komunista partio SFIC.

Lernінte Esperanton, li eksciis pri alia propono de internacia lingvo, Ido. Do li eklernis ĝin kaj korespondis en ĝi kun De Beaufront, la aŭtoro de Ido, kio daŭris ĝis la jaro 1924.

En 1919, en la Centra Oficejo de Esperanto de Parizo, li renkontis ankaŭ proletajn esperantistojn, kaj estis invitita partopreni en la kunveno pri restarigo de "Liberiga Stelo", la antaŭmilita laborista organizo. Tie li konatiĝis kun du kamaradoj, kiuj kontraste de la aliaj, tuj havis simpation por la novulo. Temis pri Bannier kaj Glodeau. Poste ili fariĝos en la SAT-laboro la dekstra kaj maldekstra manoj de Lanti, amikoj en ĝojo kaj malĝojo, gravaj precipe sur la tereno de administrado kaj financado.

Dum tiu kunveno oni proponis al Lanti redakti la organon de Liberiga Stelo : "Le Travailleur Esperantiste" (Laboristo Esperantista). Ne estante certa ĉu li estas esperantisto aŭ idisto, li tamen akceptas sub la kondiĉo ke li rajtu enmeti en la unuan numeron jenan deklaron: *"Ni estas unue revoluciuloj kaj nur due esperantistoj aŭ idistoj"*. Tiel okazis. La gazeto iom post iom ŝanĝiĝadis kaj fariĝis pure esperanta.

Pro tiamaj landaj cirkonstancoj Adam decidis por sia idealisma laboro uzi pseŭdonomon LANTY (kontraŭulo). Tio koincidis kun la kreo de SAT kaj ĝia nova gazeto "Sennacieca Revuo". En majo 1922 li dissendis funebran komunikon pri la memmortigo de sia antaŭulo en la SAT-redaktejo, E. Adam. Edmond Privat, la redaktoro de "Esperanto" ne suspektis la mistifikaĵon kaj metis informon en la rubrikon "Niaj Mortintoj" ke E. Adam mortis kaj nun "Sennaciecan Revuon" redaktas E. Lanty.

La uzo de kaŝnomoj fariĝis tradicia en SAT kaj poste eĉ uzo de nur membronumeroj. La kialo de tiuj kreitaj nomoj estis la deziro ke ili laŭsone ne apartenu al iu nacio.

*Jen kelkaj linioj pri la vivo de nia kamarado Lanti, okaze de tiu jubileo. Tio estas elĉerpaĵoj el tre interesa libro de E. Borsboom: "Vivo de Lanti", kiun vi povas mendi ĉe SAT.*

*Kompilis: K. B.*

## Propono al la kongreso

Leginte la « proponon al la kongreso » de k-do Marteno Bustin en la maja *Sennaciulo*, mi deziras fari la jenajn rimarkojn, kiujn la kongresanoj povos atenti dum la diskuto pri tiu ĉi punkto.

1. Postuli de membroj de LEA, ke iliaj delegitoj en la Ĝenerala Konsilantaro estu SAT-anoj signifus enkonduki diskriminacion en la membraro de LEA inter du membro-kategorioj kaj limigi la elekto-rajton en tia asocio. Se oni volas, ke en la Ĝenerala Konsilantaro estu nur SAT-anoj, oni lasu la LEA-ojn ekster ĝi. Ili ja estas reprezentataj en la LEA-Komitato.
2. Laŭ la nova statuto la PK ne plu sidas en iu difinita urbo (la oficejo ne estas PK-sidejo). Konsekvence la punkto C de la art. 15 ne plu havas pravigon
3. Pro la sama kialo ne plu ekzistas « fakoj, funkciantaj ekster la sideja urbo ». Cetere, tute ne estas klare, kial la Literatura Komitato, konsistanta el kompetentuloj sur difinita tereno, grupiĝus kun membroj de la Ĝenerala Konsilantaro, elektitaj por reprezenti la membraron.
4. La Konfklikt-komisiono estas tre grava kaj utila, sed ĝi povas funkcii memstare, eĉ se ni konservas la regulon, ke ĝia sekretario estas ankaŭ sekretario de la Ĝenerala Konsilantaro.

Pro tiuj rimarkoj mi proponas la jenan simpligitan tekston por la 15a artikolo :

**15. La Ĝenerala Konsilantaro konsistas el unu membro kaj unu anstataŭanto el ĉiu geografia sektoro, elektataj referendume samtempe kun la P.K. Ĝia sekretario estas la sekretario de la Konflikt-komisiono.**

*Michel DUC GONINAZ*

## ĈU IRAKON - ĈU USONON? - NECESAS ELEKTI

Jes, necesas elekti la batalkampon. Necesas, ke ĉiu alprenu siajn respondecojn kaj decidu en kiun barikadkampon situiĝi. Ekzistas momentoj en la Historio, kiuj devigas al elektoj, de neniu eviteblaj. Eĉ malpli se temas pri politika potenco. momentoj, kiam la "mi ne sciis" aŭ "tio ne koncernas min" havas nenian sencon, ĉar la esencaj veroj, eĉ se kaŝitaj aŭ konfuzaj, eniras la okulojn kaj aŭdigas surdigan bruegon. Momentoj, kiam restas tre malmulta spaco por distriĝo kaj kie la "neŭtraleco", eĉ ignorata, jam signalas preferitan kampon. Ni travivas unun el tiuj momentoj.

Necesas elekti inter apogo kaj konsento al la krima politiko de Usono, ŝtato kiu metis sin ekster la leĝon, kaj la fronta kondamno de tiu politiko kaj solidareco al ĝiaj viktimoj. Ne restas multe da tempo por decido. Riveloj pri la teruraj torturoj, kruelaĵoj kaj humiligoj praktikataj de la okupaciaj trupoj en Irako, estas postulantaj klaran limigon de pozicioj. Cetere estas necese substreki, ke ju pli ŝokaj kaj abomenindaj estas tiuj agoj, ili nur estas la pinto de glacimonto, la flanko pli videbla de montego de barbaraĵoj misfaritaj de la imperiismo kontraŭ fortoj de rezistado, kontraŭ civila loĝantaro. Ili devas esti rigardataj ne kiel izolitaj patologiaj agoj konformaj al la malhumana naturo de la milito, sed kiel mortiga politiko, celanta la mondan superregadon, kiu konsideras politike laŭleĝaj kaj morale defendeblaj (kaj per banaligo klopodante igi ilin "akcepteblaj") la plej monstrajn krimojn, ĉar plenumitaj nome de la "okcidenta kristana civilizo". Jes, ĉiujn krimojn, de la torturo ĝis la uzado de la nuklea armilo, precize kiel okazis ĉe la nazifaŝismo, kiu ankaŭ ambiciis "novan ordon" regatan de la germanaj monopoloj. Tia estas la natura inklino de la imperiismo, precipe kiam ĝi konstatas, ke la grundo forglitas de sub ĝiaj piedoj. Kiel oni vidis en Alĝerio, en Vjetnamio aŭ en Ĉilio, ekzemploj de teruregо, kiujn gravas reviziti. Aŭ kiel oni vidas ĉiutage en la okupitaj teritorioj de Palestino, dank'al Sharon, kun beno de Bush kaj antaŭ la kompromitiga pasiveco de la social-demokratio.

Necesas elekti. Urĝe. Tiuj, kiuj vere amas la valorojn de demokratio, nepre devas kuraĝe elekti la kampon por la batalo kontraŭ la usona imperiismo kaj kontraŭ ties brutala politiko de agreso kaj milito. Kio signifas do kontraŭbatali tiujn, kiuj al ili alianciĝis aŭ interkonsentas. Se en la jaroj tridek la granda danĝero por la Homaro venis de la Hitlera Germanio, hodiaŭ ĝi venas de Usono kaj de la rabema apetito de ĝia reganta klaso, kies la faŝisteca skipo de Bush estas la esprimo pli terorista.

Necesas elekti. Tion postulas la rezistado de popoloj, kiel la iraka aŭ la palestina, kiuj hodiaŭ okupadas la unuan linion en la lukto por libereco kaj paco. Tion postulas la elsaviĝo kontraŭ la barbareco, kiun Usono kaj ĝiaj aliancanoj dissemadas ĉie sur la tuta mondo. Tio ĉi estas ankaŭ defio al la gvidantoj de PS kaj al ĝia politika "familio", kiuj sur la eŭropa kaj monda kampoj kaj kontraŭ la interesoj kaj deziroj de la plimulto de sia apoganta bazo, troviĝas profunde kompromitiĝinta je milito kaj militarismo. Sen la kapitulaco

de la socialdemokratio fronte al la novliberalismo, sen ĝia struktura alianco en EU kun la dekstrularo por tre danĝeraj alpaŝoj, kiaj tiuj de la projekto de "Konstitucio", sen ĝia engaĝo en la plifortigo de NATO aŭ en la Balkana milito, sen ĝia protekto al la cionistoj de la Israela L.P., sen ĝia priplorinda apogo kaj akcepto de la politiko de Usono, neniam la fierego de la Usona imperiismo estus alveninta tiom malproksimen kiom ĝi ja alvenis. Oni ne forgesu la lecionojn de Muniko kaj de la paciga politiko, kiu rezultigis la plej grandan katastrofon de la XX-a jarcento.

Necesas ŝanĝi politikon kaj eĉ tendaron antaŭ ol estos tro malfrue!

*ALBANAO NUNES - el "Avante", majo 2004.*
*El la portugala tradukis, W. Sacramento*

## DEKLARACIO DE F.A.B.
### (Federacio de Anarkiistoj en Bulgario)
## KONTRAŬ LA ALIĜO DE R.BULGARIO AL NATO!

La aliĝo de R. de Bulgario jam estas fakto! Tiel nomata politika elito decidis unuanime kontraŭ nur 4 honestaj kontraŭuloj en la Parlamentejo. La bulgara popolo bedaŭrinde renkontis tion pasive. Nur ni, la anarkiistoj, estas kategorie kontraŭ, same kiel ni estis antaŭe kontraŭ nia aliĝo al Varsovia pakto kaj pli antaŭe, kontraŭ la akso Romo-Berlino-Tokio.

Ni estas kontraŭ, ĉar ni estas malamikoj de la militismo, la militoj kaj super-regado. Ni estas kontraŭ, ĉar nia partopreno dum la Dua mondmilito kun hitlerismo, kondukis Bulgarion al tria nacia katastrofo kaj poste kun Stalinismo al la kvara, post kiam Moskvo perdis la malvarman militon. Ni estas kontraŭ la Kvina nacia katastrofo, kiu certe kostus pli ol ĉiuj aliaj. Ni estas kontraŭ NATO, ĉar ni estas por la libereco, egaleco kaj frateco inter la homoj kaj popoloj!

Unu el la subtenantoj de la filo de nia eksa caro, nuna ĉefministro, diris ke la "Celo de NATO estas starigi la demokration en la tuta mondo". Neniu kontraŭstaris en la Parlamento. Ĉiuj konsentis. Do la bulgara popolo morgaŭ denove pagos la sangan fakturon.

NATO estas la kirasa pugno de riĉuloj kaj iliaj servantoj. Ĝia celo estas la kreado kaj plifirmigo de la Transnacia imperio de la kapitalo, kiun oni nomas "Nova Monda Ordo". La krioj "Ne al NATO!", "For NATO-n" estas senfortaj kontraŭ tiu "ordo". Tial la bataloj de la malriĉuloj kontraŭ riĉuloj estas komencitaj kaj okazos en ĉiu lando kaj en ĉiuj kontinentoj, kun diversaj motivoj, plej diversaj formoj kaj per ĉiuj rimedoj. Kaj ĝi finos per la Monda Socia Revolucio, kiu forsendos la lastan imperion de la kapitalo kaj ĝian militmaŝinon en la tombejon de la historio, kie kuŝas restaĵoj de ĉiuj ĝiaj antaŭuloj.

*Elbulgarigis: Cvjatko Todorov (34.593)*
*Ĝi aperis en la organo de FAB "Libera penso" n°4/2004.*

## Virinoj suferas sub globaligo*

La grandaj vestaĵ- kaj nutraĵmarkoj respondecas pri la malbonigaj labor-cirkonstancoj de milionoj da virinoj el la tuta mondo, precipe evidente en la tiel nomata 3-a mondo. Ili postulas ĉiam pli rapidan kaj malpli kostan provizadon de la plej novaj kaj plej freŝaj produktoj. La entreprenoj dislokas la establojn al malaltsalaraj landoj kaj misuzas la monopolan pozicion por eviti riskojn kaj kostojn, ŝovi ĝin kiel eble plej multe en la ŝuojn de la produkta ĉenero. La premo de la provizaj entreprenoj falos precipe sur la ŝultrojn de laboristinoj. Ili daŭre devas labori dum pli da horoj, pli rapide kaj en tre malfavoraj labor-cirkonstancoj. Kiu plendas, riskas maldungon. Virinoj, malsanaj aŭ gravedaj, plej ofte suferas tujan maldungon. Ili havas minimuman aŭ absolute mankantan protekton. Ekzemple virinoj en Bangladeŝo, kiuj laboras en vestaĵ-industrio ne havas rajton je ferioj post naskiĝo de bebo aŭ dum malsano. Ili ricevas nenian protekton. En Ĉinio junaj virinoj devas foje kromlabori 150 horojn monate. 90% el ili ne havas iun ajn formon de sociala sekureco. En Ĉilio 75% de la fruktorikoltantinoj laboras kun dumtempa kontrakto je ritmo de 60 horoj semajne. Internacia solidareco ne ekzistas, eĉ male. La Mondobanko kaj Internacia Mona Fonduso instigas la evolulandojn krei leĝojn kaj subskribi komercajn interkonsentojn kiuj ebligas plej flekseblajn laborhorojn. Multaj el tiuj entreprenoj alportas socialan respondecan entreprenadon alte en la standardo. Ili manumas kondutregulojn al kiuj la liverantoj devas adaptiĝi kaj kiuj ankaŭ rilatas al la laborcirkonstancoj. Iliaj propraj senkompataj aĉetpraktikoj malebligas ke la liverantoj povu plenumi ĝin. De "Nike" kaj "Adidas" estas sciate ke ili forte premas la liverantojn. Sed evidente ankaŭ la okcidenta klientaro havas sian repondecon. Ĝi postulas produkton kiu estas kiel eble plej malmultekosta, tuj liverata kaj de plej alta kvalito. Bedaŭrinde ĝi ne pretas pagi honestan prezon por honesta produkto, do ĝi same kulpas pro subpremo de la virinoj kiel la krudaj kapitalistaj entreprenoj. Internacia solidareco ne kreiĝas per vortoj sed pere de komuna batalo.

Jakvo

*Globaligo : terglobigo




**NACIO** *-Aparato farita el potencavido, ĵaluzo, malamo kaj stulto, kiun uzas suvereno, diktatoro, partio aŭ klaso, por akiri famon, honorojn, bonstaton ktp. je la malprofito de la grandega plimulto de la aparateroj, t.e. la simplaj nacianoj.*
*Memkompreneble aparato utilas nur al ties uzantoj, t.e. la registoj.*

Difino de Lanti.

Legu pri la Vivo de Lanti kaj historio de SAT aĉetante tiun ĉi libron de E. Borsboom.Prezo: 11,50 eŭroj + afranko.

# Kio estas mikronaciismo?

## enkonduko

eseo pri la mikronaciismo, kiu ampleksas la tutan larĝon de la fenomeno

de Peter Ravn Rasmussen

## Naciismo en mikrokosmo

En eseo, kiu troviĝas aliloke en la ttt-ejo, mi pridiskutis la diferencon inter nacioj kaj ŝtatoj. Ni do turnu nin nun al la naciismo en ĝia plej malgranda enkarniĝo – ni esploru la fenomenon mikronaciismo.

Dum la lastaj jaroj, la mikronaciismo (pro kialoj diskutotaj pli sube) atingis certan publikan famon, ĉefe pro la surfacnivela bizareco de la fenomeno. Amaskomunikilaj raportoj pri la mikronaciismo malofte pli faras ol rasti la supraĵon de tio, kio vere okazas, ĉar la raportistoj tre ofte fasciniĝas de la fakto, ke plenkreskuloj "ludas reĝojn".

Fakte, la supraĵa impreso pri la mikronaciismo estas tiu, ke pluraj grupoj de plenkreskuloj aktorludas imagitajn naciojn. Tiu impreso estas tiel okulkapta, ke ĝi ofte komplete obskurigas la ekziston de pli profunda fluo de aktiveco en la mikronaciisma komunumo. Por iuj, ĝi efektive estas ludo – sed aliaj estas iugrade seriozaj pri siaj klopodoj krei nacion.

Kvankam la mikronaciismo je la unua rigardo povas ŝajni ridiga, la demando prezentas sin: kial ekzistas (aŭ ekzistu) iu ajn fundamenta diferenco inter lastatempe imagita komunumo (se uzi la terminon de Benedict Anderson) kaj "tradicia" komunumo? Ĉu ekzistas ajna fundamenta diferenco krom tiu de daŭripova tradicio – kaj se mikronacio daŭrus sufiĉe longe, ĉu ĝi tiukaze ne diferencus per nenio de iu ajn alia nacio?

La mikronaciismo estas relative freŝdata afero. Kvankam la fenomenologiaj radikoj estas verŝajne tiel malnovaj kiel la homaro mem, tiu komplekso de agadoj, kiun ni nuntempe nomas mikronaciismo, ekzistas nur de proksimume ses jardekoj. La vorto 'mikronaciismo' uziĝas nur de 10-15 jaroj (kvankam tute verŝajne la vorto estis sporade uzita kiel spontanee kreita neologismo jam antaŭ tio, la nuna uzmaniero estis enkondukita en la malfruaj 1980-aj aŭ fruaj 1990-aj jaroj).

Difini la mikronaciismon estas ekstreme malfacila tasko – precipe, ĉar la mikronaciismo kiel fenomeno superarkas larĝan spektron de subfenomenoj. Krome, la partoprenantoj atribuas al la mikronaciismo plej variajn signifojn. En la mikronaciisma komunumo ne ekzistas unu sola interpreto de la semantika enhavo de la vorto "mikronacio".

Por iuj, la mikronaciismo estas nur ŝatokupo – iom etendita speco de rolludado. Aliaj prenas ĝin iom pli serioze, rigardante la mikronaciismon kiel politikan simuladon – pro kio ilia unuavica motivo por partopreni la mikronacian komunumon estas ekkompreni pli profunde la politikan procezon, cele al uzado de tiu sperto en la rilataro de la 'reala mondo'. Ankoraŭ alia grupo prenas la mikronacian projekton multe pli serioze – kun la ambicio atingi la ŝtatecon, se eblas.

Rigardate el la perspektivo de la establitaj ŝtatoj ("makronacioj" laŭ la plej kutima termino de la mikronacia ĵargono), la mikronacioj estas sengravaĵo, apenaŭ traktendaj serioze. Tamen, estas mia tezo, ke ili vere konsistigas signifan fenomenon, kiu simptomas la fundamentajn motiviĝojn envolvitajn en la naciismo.

Bonŝance, ni ne estas malesperige senpovaj alveni al komuna difino. Ĉiuj ĉi kazoj de mikronaciismo fakte dividas kelkajn komunajn trajtojn. Ili ĉiuj kondutas laŭ maniero, kiu konscie imitas 'veran' ŝtaton – ili havas registarojn, civitanojn, leĝojn, teritoriajn 'pretendojn' ktp. El tio rezultas bazo, sur kiu ni povas establi (tre supraĵan) difinon de mikronacio:

***Mikronacio estas ento kreita kaj funkciigata kvazaŭ nacio kaj/aŭ ŝtato, kaj ĝenerale portanta en si kelkajn, la plej multajn aŭ ĉiujn atributojn de nacieco, kiel ankaŭ ĝenerale portanta en si kelkajn el la atributoj de ŝtateco. Kvankam mikronacio ja povas esti komencita kiel nura drolaĵo, ĝi havas la potencialon (kondiĉe, ke evoluas sufiĉe vitala nacia kulturo) evolui al vera nacio, kaj eble eĉ atingi ŝtatecon.***

La nocio "mikronacio" do etendiĝas trans la tutan spektron ekde kelkaj homoj "ludantaj landojn" ĝis (relative) grandaj kaj sukcesaj entreprenaĵoj kun ĉiuj atributoj de grandskala nacio, krom la grandeco.

## La eliro el la kaŝejo

La mikronacia fenomeno estis marĝenigita afero antaŭ la alveno de la interreto. Mikronacioj estis en tiu tempo ĝenerale ne pli ol drolaĵoj. Pro la drasta etendiĝo de la ebloj de komunikado kaj informadiko, la mikronacia mondo trapasis fundamentan ŝanĝiĝon. Kiel okazis ĉe multaj aliaj grupoj antaŭe malhelpitaj de la mankanta aliro al presaj kaj dissendaj amaskomunikiloj, la interreto donis al la mikronacia komunumo la okazon pli vaste distribui sia(j)n mesaĝo(j)n al pli larĝa ricevantaro.

La subita etendiĝo de la okazoj por propagandi kaj prozelitumi kondukis al fazo de eksponenciala kreskado ekde la mezo de la 1990-aj jaroj. Hodiaŭ estas centoj, se ne miloj, da mikronacioj, kun (ne mirige) granda diverseco de celoj.

Ĉe la "malalta" ekstremo ni trovas en granda multeco asertatajn mikronaciojn, de kiuj ĉiu estas esence fiktivaĵo, la verko de unu sola persono – sed kiuj ofte asertas pli grandan loĝantaron. Kvankam kelkaj el tiuj nacioj povus iam evolui al entreprenaĵoj kun pli da substanco, la plimulto de ili estas ne pli ol nur amuzaĵoj.

Ĉe la "alta" ekstremo ni trovas mikronaciojn, kiuj atingis multajn el la trajtoj de efektiva ŝtateco. Ili havas teritorion, loĝantaron, pli aŭ malpli stabilan politikan sistemon – mallonge dirite, ili volas seriozi. La finfina ambicio de tiuj nacioj estas atingi tion, kion oni nomis "la Sankta Gralo de mikronaciismo": formalan agnoskon en la internacia komunumo kiel samrangulo kun ĉiuj akompanaj privilegioj, el kiuj la plej avidata estas membreco en la Unuiĝintaj Nacioj.

Ne necesas eĉ diri, ke, por ke mikronacio fakte atingu tiun punkton, necesus eksterordinara cirkonstancaro. Mi ne opinias verŝajne, ke tio okazos en

la antaŭvidebla estonteco.

Rigardante la mikronaciismon kiel tuton, ni do vidas tre larĝan spektron de agadoj, kiuj etendiĝas de bagatelecaj ĝis signifoplenaj. Por la serioza esploranto, ĉio ĉi etas interesa – kiel parto de la pli vasta naciisma fenomeno, reduktita al la plej malgrandaj konsisteroj, la mikronaciismo povas liveri valorajn enrigardojn.

Multmaniere, la mikronaciismo prezentas la definitivan "reductio ad absurdum" de la Wilson'a rajto je memdispono.

## La longedaŭraj perspektivoj

Komence de ĉi tiu eseo mi demandis, ĉu mikronacioj kaj "realaj" nacioj iel ajn diferencas laŭ sia naturo.

La respondo laŭ mia opinio estas: ne, se la mikronacio sukcesis establi efektivan "nacian" kulturon – kulturon, alivorte, kiu povas unuigi la konsistigantajn membrojn ĉirkaŭ komuna celo, idealo de komunumeco kaj kuneco. Tio povas validi pri iu ajn kvazaŭtriba strukturo, kompreneble – ĝi eĉ validas dummomente pri tumultantaj futbalaj huliganoj. Tamen, la lakmusa testo devas esti tiu, ĉu la koncerna "nacio" povas kunigi la trajtoparon, daŭripovon kaj koheron.

Ĉu la mikronaciismo, nun ankoraŭ en sia bebeco, sukcesos produkti tiajn daŭripovajn kaj koherajn kulturojn el siaj multaj eksperimentoj, restas konstatota. Sed se jes, mi ne mirus. La potencialo certe enestas en ĝi.

*La originala teksto troviĝas en la ttt-ejo www.scholiast.org .*
*Tradukis: G. Mickle*

# Ĉu la Esperanta Civito estas mikronacio?

de Gary Mickle

Kelkaj SAT-anoj ekscitiĝas, kiam la Esperanta Civito iĝas paroltemo. Unu kialo estas kredeble ties iama peto, nun tamen ne aktuala, ke SAT aliĝu al ĝi. Multajn bruskis la propono, ke la sennacieca SAT iĝu integra konsistero de nacion afektanta organizaĵo. Utilus laŭ mi ekzameni la Civiton sen afekcioj kaj – se eble – alveni al relative komuna starpunkto pri tio, ĉu la Civito jes aŭ ne estas ebla agadtereno por maldekstruloj.

Pro tio mi tradukis la atentovekan artikolon de Rasmussen, kiu diskutas la fenomenojn "mikronacio" kaj "mikronaciismo". Mi rimarkis, ke tiuj ĉi nocioj bonege taŭgas por enordigi koncepte la Esperantan Civiton. Agacas la longe daŭrintaj diskursoj, esperantiste talpaj, kiuj reflektas la kontraŭdiron inter la Civito kaj la UEA-bazita movado kiel manifestiĝon de konflikto inter "raŭmismo" kaj "finvenkismo". Kvazaŭ tiu pure esperantista idea dimensio estus la sola. Rigardo trans la landlimon de Esperantio montras, ke politikaj tendencoj de la Esperanto-komunumo povas esti tre analogaj al tiaj de la "ekstera mondo".

Eblas priskribi la Esperantan Civiton kiel mikronaciisman (kaj eble ankaŭ komunumisman) projekton, same kiel eblas priskribi la dominantan tendencon en UEA kiel etnoplurisman (se uzi la de novdekstruloj enkondukitan nocion). Farante tion, oni konstatas la netan politikan neneŭtralecon de tiuj grupiĝoj. La pli maldekstra kaj naciskeptika SAT ne povas do esti io alia ol ilia rivalulo sur la politika kampo – almenaŭ kelksituacie. Ĝi ne povus simple aliĝi al unu el ili.

Per kelkaj trajtoj la Civito aspektas kiel paŭsaĵo de nacio. La Civito difinas sin laŭ sia Konstitucia Ĉarto per la vortoj "suverena kolektivo, demokrata kaj federa", kiu "celas esti subjekto de internacia juro, kaj sekve plenumi suverenajn funkciojn". Pli interesa ĉi tie estas alia celdifino: "firmigi la rilatojn inter la esperantistoj kiuj sentas sin apartenantaj al senŝtata diaspora lingva grupo, laŭ la difino en la art. 1, § 5, de la Universala Deklaracio pri la Lingvaj Rajtoj, proklamita en Barcelono la 6an de junio 1996", ĉar ĝi indikas, kiuvoje la Civito volas jure pravigi sian pretendon je la statuso de subjekto de internacia juro. Ĉe la solena akto de la promulgado de tiu Ĉarto, Giorgio Silfer emfazis, ke la lingve bazita "komuna destino" de la esperantianoj estas unu piliero de la Civito. Tiun li alordigis al nova jura koncepto, la *ius sermonis* (rajto de la lingvo), kiu kontrastas kun la ĝisnunaj juraj konceptoj *ius loci* (rajto de la loko), *ius sanguinis* (rajto de la sango) kaj *ius fidei* (rajto de la kredo).

Eblas konkludi, ke la politika celo de la Civito estas krei jure sankciitan interŝtupon inter ŝtato kaj ordinara asocio. La Civito kaj aliaj asocioj, kiuj kapablas demonstri ian lingve bazitan identecon kaj "komunan destinon", nobeliĝus. Ili ektroviĝus en tute alia, pli multrajta kategorio ol tiu de la ordinaraj internaciaj ne-registaraj organizaĵoj. Tiu nova jura statuso ebligus al la privilegiita klaso de asocioj havi "legaciajn rilatojn" kun aliaj subjektoj de internacia juro, ekzemple kun ŝtatoj.

Realisme taksante la forton de la Civito, oni ne bezonas timi, ke ĝi atingos la ambician celon. Iom alian danĝeron mi tamen vidas: ke kelkaj alie progresemaj esperantistoj dum la vivdaŭro de la Civita projekto restos jungitaj al afero, kiu luktas esence por la statusaltiĝo de sociaj grupoj, kiuj kapablas kaj pretas konstitui sin kiel homologaĵojn de nacioj – kiel transgeneraciajn, lingve bazitajn, politike strukturitajn komunumojn. SAT dum sia historio agis alie: anstataŭ riverenci antaŭ naciismaj principoj, ĝi kiom eble dubindigis kaj senkreditigis ilin.

# FINANCA RAPORTO 2003

La rezulto estas iom pozitiva pro vendo de PIV en la jaro 2003. Daŭre la aliaj libroj ne sufiĉe vendiĝas. Ankaŭ la kotizoj daŭre ne sufiĉas. Ni ĉiuj devus konvinki pliajn esperantistojn aliĝi al SAT. Necesas sufiĉe granda nombro da membroj por kompensi la normalajn ŝarĝojn. Profito devus ebligi al nia asocio facile eldoni vortarojn kaj aliajn valorajn librojn. Tio, kio iomete helpas, estas donacoj kiuj kompensas malaltajn kotizojn de certaj landoj.
Kiel lastjare, la fakturoj ŝulditaj de SAT korespondas al la tantiemoj por PIV devige registritaj sed pagotaj nur en la jaro 2004, kaj por pli ol la duono estas la sumoj enkasigitaj por Kava Pech de ĝiaj francaj klientoj, por eviti bankelspezojn.

Tereza Sabatier

## ASOCIAJ SPEZOKONTOJ POR LA JARO 2003 (en €) - PARIZO

| Kostoj | 2003 | 2002 | Rimedoj | 2003 | 2002 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aĉeto de varo | 1689 | 32613 | Vendo de varo | 28744 | 92573 |
| Variado de la stoko | 13721 | -7488 | Kotizoj, abonoj, donacoj | 65341 | 26504 |
| Aliaj aĉetoj kaj servoj | 5057 | 2662 | Interezoj | 487 | 663 |
| Presokosto | 10715 | 9223 | | | |
| Sendokostoj de la revuoj | 5629 | 5562 | **Entute** | **94572** | **119740** |
| Aliaj afrankaj elspezoj | 1419 | 1600 | | | |
| Sidejaj domŝarĝoj | 1080 | 1843 | | | |
| Telekomunikiloj | 1244 | 1266 | | | |
| Elektro | 702 | 540 | | | |
| Vojaĝoj, honorarioj | 3924 | 8808 | | | |
| Asekuro | 251 | 245 | | | |
| Impostoj kaj taksoj | 39 | 120 | | | |
| Salajro malneta | 30649 | 28657 | | | |
| Sociaj ŝarĝoj | 15981 | 14103 | | | |
| Amortizoj kaj provizoj | 1127 | 4300 | | | |
| Financaĵoj | 138 | 156 | | | |
| Diversaĵoj | 489 | 905 | | | |
| Rezultato (profito) | 718 | 14625 | | | |
| **Entute** | **94572** | **119740** | | | |

## RAPORTO DE LA REVIZOROJ

Post la kontrolo kiun ni faris super la spezoj en Parizo, koncerne la jaron 2003, ni deklaras, ke la kontoj estas en bona ordo. Al ni estis komunikitaj la dokumentoj pruvantaj la realecon kaj ĝustan aplikon de ĉiuj spezoj.

Juliette BOYER    Jacqueline UZE

## BILANCO JE LA 31.12.2003 (en *) - PARIZO

| AKTIVO | 2003 | 2002 | PASIVO | 2003 | 2002 |
|---|---|---|---|---|---|
| Asocia sidejo | 8437 | 8437 | Asocia Kapitalo | 25421 | 10796 |
| Meblaro | 4760 | 3391 | kontojara rezulto | 718 | 14625 |
| Garantiaĵo | 152 | 152 | **Sume (I)** | **26139** | **25421** |
| **Sume (I)** | **13349** | **11980** | | | |
| Librostoko | 9300 | 23248 | Deponoj (fakoj kaj membroj) | 76358 | 104324 |
| Debitoraj libroservoj | 36788 | 25644 | Pagotaj fakturoj kaj asociaĵoj | 9213 | 6816 |
| Ricevotaj kotizoj | 6948 | 9228 | Kongresdepono | 286 | 3740 |
| Ricevotaj taksoj | 1653 | 642 | | | |
| Aliaj debitoroj | 481 | 300 | **Sume (II)** | **85857** | **114880** |
| Rezervo | 18527 | 18527 | | | |
| Disponebla mono | 24950 | 50732 | **Entute (I + II)** | **111996** | **140301** |
| **Sume (II)** | **98647** | **128321** | | | |
| **Entute (I + II)** | **111996** | **140301** | | | |

LE MONDE diplomatique en ESPERANTO

http://eo.mondediplo.com/

n°de junio 2004

# Fronte al la mediata ordo

***Timigitaj de la evoluo de sendependa kritiko al la komunikiloj, iuj ĵurnalistoj kaj eseistoj prezentis tuj tiun civitkonscian kritikon kiel minacon kontraŭ la demokratio...***

de Henri MALER

LA KONTESTADO de la mediata ordo aperas en kreskanta nombro da landoj. Ĝi celas la koncentriĝon de la komunikiloj, la prostituiĝon de la informado kaj de la kulturo al la financmerkatoj. En Francio, jam dum pluraj jaroj, multiĝas la publikaj renkontiĝoj. Ĉiusemajne, la salonegoj estas preskaŭ ĉiam plenaj, la debatoj ekscititaj. En la koro de la mobiliziĝoj kontraŭ la novliberalaj regresoj, oni atakas la komunikilojn de aroganteco kaj sociala malestimo.

Samtempe, la agadoj kontraŭ la reklama poluciado de la publika spaco kritikas la influon de la anoncistoj en la mediata spaco, de dokumentistoj kaj scenaristoj aperigas eblajn konverĝojn kun la rezistadoj de ribelaj ĵurnalistoj kaj tiuj de la sendependaj kaj asociaj komunikiloj.

Pri tiu multforma kontestado, la dominantaj komunikiloj preferas nenion scii. El vidpunkto de iliaj gvidantoj, ĉar la plej granda malbono estas ĉiam aliloke (aŭ malantaŭ ni), ĉio fartas - preskaŭ - plej bone ĉi tie. Ili strebas do firmigi sian propran povon (pretekstante defendi la sendependecon de ĵurnalismo), antaŭenigi la konkurencon de la « markoj » (pretekstante antaŭenigi pluralismon) kaj rezervi al si la kvazaŭ-monopolon de la rajto informi kaj debati.

Kaj necesas konstati ke ili profitas komplezan silentadon. Flanke de la instalitaj politikaj fortoj, kiam, liberale dekstre, ili « pensas » ke la merkatoj proponas kaj la politikistoj disponas ; aŭ kiam, diskrete maldekstre, ili limigas sian ambicion reguligi tielnomatan fatalaĵon. Mutado ankaŭ flanke de multnombraj kontestuloj kiu, bedaŭrinde, preferas serĉi por si loketon en la dominantaj mediatoj anstataŭ konsideri ilin tiaj kiaj ili estas : agantoj kaj propagandistoj de la ordo kiun ili kontestas.

Tiuj silentadoj sufiĉus por pravigi multiĝon de publikigaĵoj kaj de asocioj kiuj, pro iu aŭ alia motivo, interpelacias la grandajn komunikilojn, ties gvidantojn, ties financantojn... kaj tiujn kiuj lasas fari. La celoj de tiuj interpelacioj estas facile difineblaj : informi pri la informado kaj la kulturo (anstataŭ lasi la kvazaŭ-monopolon de enketoj pri la ĵurnalismo al la komunikiloj mem), kontesti la mediatan ordon (anstataŭ akompani ties devojiĝojn per kelkaj suspiroj), proponi alternativojn (anstataŭ fuĝi en pian silenton).

Ne mankas provoj deprajmi kaj neŭtraligi la protestojn kaj kontestojn. La plej kuranta konsistas en transformado de la kritiko de la mediatoj al ordinara mediata produkto, disponigita al konvenaj kaj konformaj, « respondecaj » kaj sterilaj diskutoj, kies ĉefa « efikeco » estas akiri akrediton ĉe la estroj de la mediatoj. Sed la plej vigla reago estis provokita de la konstituiĝo de la Franca Observejo de la Komunikiloj. Por protekti sin kontraŭ ĉia sendependa kritiko, kelkaj ĵurnalistoj denuncis ĝin tuj kiel provo starigi petenisman ordon de kontrolado de ĵurnalistoj, eĉ kiel gazetaran policon. Kritiko al la mediato konstituas laŭ ili minacon kontraŭ la demokratio.

Tia eksceso perpleksigas. Tia militeca defendo de la mediata konveneco celas protekti la kritikon de la praktikoj de ĵurnalismo kontraŭ ĉia « ekstera » enmiksiĝo, eĉ se ĝi venas de nedisciplinigitaj ĵurnalistoj kiuj tiam estas tuj maldungitaj aŭ minacataj de proceso. La gardantoj de la mediata ordo pretendas tiel rezervi la kritikon al la nuraj profesiuloj de la metio, al la esploristoj kiujn ili agnoskas kaj al la... leteroj de la legantoj.

Tiu « interna » kritiko, nepra kiam ĝi eliras de ribelaj sindikatoj aŭ de kelkaj ankoraŭ aŭtonomaj societoj de redaktistoj, minacas, sekve, esti konfiskataj de la eldonaj ĉefoj kaj la financaj deciduloj, kiuj ŝatus forgesigi ke la mediataj entreprenoj estas entreprenoj kiel la aliaj, ofte pli malbonaj ol la aliaj. Ĉiopova hierarĥio (miksita kun la moderna « management »), kontraŭsindikata subpremo, ĉantaĝado pri dungeco : la defendantoj de tia funkciado - oni komprenas ilin - rifuzas esti traktataj kiel « propekaj kaproj » de sistemo kiun ili ne kontestas, ĉar ili estas nur ties radetoj kaj portantoj. Kun la helpo de kelkaj multmediataj eseistoj, ili pretendas esti viktimoj de supozita « komplot-teorio » kiun ili larĝanime atribuas al iu ajn - de Noam Chomsky ĝis Pierre Bourdieu - kiu kuraĝas nomi je ilia nomo la instituciojn kaj ties gardistojn.

Ili trankviliĝu : la analizo de la mediato ne celas persekuti ilin ! Kaj la rezistado al la mediata ordo havas celojn kiuj preterpasas ilin. Dum ili skermas kontraŭ siaj kritikantoj, Dassault kaj Lagardère akaparas novajn partojn de gazetaro kaj eldonado. Siavice, la publikaj aŭdvidaj institucioj pagigas sian subfinancadon al siaj nefiksaj salajruloj kaj, ĉar ĝi estas submetita al reklamo, rivalas kun la privata sektoro sur ties propra tereno : la momenta kaj kvanta aŭdvida atento je kiu ajn prezo. Koncerne la skribitan gazetaron onidire « seriozan », ĝi postkuras la reklamistojn (kaj malkreskantan legantaron) kun la armiloj de la malkaŝe komerca gazetaro. Kiu povas kredi ke kelkaj malgravaj alĝustigoj povus sufiĉi, kiam necesas remodlado de la tuta mediata spaco ?

Ekde 1981, enorma nigra truo englutis la projektojn de demokratiaj transformado kaj alproprigo de la mediatoj, dum ilia koncentriĝo, ilia multnaciiĝo kaj multmediatiĝo, ilia laŭfinanciigo kaj submeto al la profitlogiko faris de ili agantojn kaj zelotojn de la liberala tutmondigo. La rezistado al la mediata ordo celas redifini tiajn projektojn.

Tradukis: Vilhelmo Lutermano

*Ni atendas viajn opiniojn pri la aperigo de tiuj tekstoj el "Le Monde diplomatique" en Esperanto kaj ĉu ni donu pli da spaco por ili? Dankon pro via respondo.*
*La redakcio*

# SAT - Kulturo



redaktanto Cezar

## Karaj geamikoj,

tion ni spertis ĉiuj: La cirko estas veninta! Jam staras la grandega tendo, ekbrilas ĉie la lumĉenoj, kaj sur la pinto de la tendo lumas alloge la nomo de la cirko. Post la balustrado oni aŭdas jam la trumpetadon de elefanto, el la karavanoj de la cirkartistoj elsonas sentimentala buŝharmoniko. Ni jam staras en la vicoj kaj ŝovas kaj puŝas nin antaŭen. Ni sidiĝas inter la stangoj kaj mastoj, tiel, ke ni bone povu vidi ĉion, ĉar la cirko estas la plej bela el ĉiuj vidaj ludoj. La atmosfero estas ekscitiga. La orkestro elprovas iun viglan latinan ritmon kaj de la maneĝo eliras tipa odoro. Ankaŭ ni nun fariĝas momenton tre sentimentalaj kaj eble pensas kiel la poeto Rilke:

*Kiuj estas tiuj veturantoj,*
*diru do, kiuj estas*
*ankoraŭ iom pli fuĝemaj*
*ol ni mem?*

Poste nin tamen kaptas senpacienco, antaŭ ol ni ĉiuj aplaŭdegas, ĉar la cirko finfine komenciĝas! (...) Sed kio tio estas, jen venas ja tre stranga anarkia direktoro kun du klaŭnoj, kion ili tie parolas???

## Tia cirko!

(tri klaŭnoj, unu kiel prezidanto)

**Unua klaŭno**: Sinjoron prezidanto! Sinjoron prezidanto! Bonvolu tuj enkarcerigas tiun homo! Tion esti tre danĝeran homon!

**Prezidanto**: Kial li estu danĝera?

**Dua klaŭno**: Li diras, ke li volas esti la unuan direktoron en tiu ĉi cirko! Haha!

**Prezidanto**: Kio? Nekredeble! Ĉu li ne konas la regularon de nia entrepreno!? Krome scias ja ĉiu, ke ni ne havas direktoron kiel aliaj cirkoj, sed nur prezidanton. Kaj tiun nur por la plenumado de diversaj taskoj. Sed, se vi ĉi tie plu tiel kverelas pri la posteno de la prezidanto, do bonvolu transpreni la postenon. Tuj! Mi estus feliĉa!

**Dua klaŭno** (ridas): Hahahaha, sinjoron prezidanto, tion esti ja nur bonan ŝercon, ni ja ne voli forpreni la belan postenon de la sinjoro prezidanto, hahaha....

**Prezidanto**: Ĉe l' Satano! Ĉu bona posteno? Ke mi ne ridu! Mi estas jam dek jarojn ne pli ol „utila idioto“ en tiu granda cirko, kaj mi fieras pri



tio! Sed spite al la impresa nomo de prezidanto sub miaj mesaĝoj mi havas nun multege da laboro. Cent kaj kvindek da mesaĝoj po tago, kiuj respondendas! Mi ne troigas! Kaj tio estas nur eta parto de miaj taskoj! En vero mi ja ne estas prezidanto, amikoj, sed ega ŝvitanto!

**Unua klaŭno**: Ĉu vere? Tion esti ja terura, se la sinjoron prezidanto devi labori tiom multe! Mi ĉiam pensi, ke la prezidanton, *voila*, ĝui la belan vivon kaj la akrobatoj, rajdistoj, ĵonglistoj, la domptistoj kaj la kasistino ktp...fari la ŝvitigan laboron, ĉu ne?

**Prezidanto**: Faras! Ba! Sed tion scias ja ĉiu, ke ĉe ni estas alie!

**Unua klaŭno** (elprenas naztukon): Tion estas ja ploriga! (Ekploras)

**Dua klaŭno** (rikanas): Tion estas ja ridiga, Hahaha! (Laŭte ekridas)

*verkis Cezar*



*Pentris Cezar*

## La klaŭno

La klaŭno, se li estas kontraŭaŭtoritata figuro, prezentas la malon de la homo, kiu posedas potencon, kiu estas aŭtoritata kaj regas la mondon. Li montras la absurdecon de la kutimaj imagoj de normala homo, kiu provas regi la mondon. Kaj fine la klaŭno tamen kapablas pli ol ĉiuj, kiuj ĉirkaŭas lin: Li do prezentas sin en la areno, kvazaŭ li ne scius kiel ludi la violonon, kaj fine li estas la ununura, kiu scias ludi la violonon.

*Walter Matthias Diggelmann*



## Fenomeno de la kulturo

Al la kulturo apartenas ankaŭ imago pri la cirk-arto, pri la movado de la homa korpo, pri la movoj kaj agoj de la homa korpo en la spaco. Ĉion ĉi prezentas la cirko. Al niaj kulturimagoj apartenas ankaŭ la ekzotiko. Kaj la publiko identigas la cirkon en plej vasta senco kun la ekzotiko. Li estas ero de la kulturo, kiu verŝajne havas tute nekonatajn radikojn en la homa konscio. *(Christoph Meckel).*

## Cirkobildoj

La magio de la maneĝo trovas en la cirkobildoj sian genian respeguliĝon. La mondo de la cirko kaj de la cirk-artistoj de la antikva epoko ĝis nun allogis kaj allogas pentristojn. La plej famaj estis adorantoj de la cirko, Picasso, Beckmann, Dix, Hegenbarth, Leger, Chagall, Dali, Miro, Maserel, por nomi nur kelkajn el ili.

*(Cezar)*



La cirkartistoj unuigas du ecojn, kiuj jam unuope estas maloftaj, sed kiuj kune ebligas, ke nenio maleblas: aŭdaco kaj diligenteco.

*(Felix Salten)*





## Sangantaj frandaĵoj

Kiam ni sidis denove sur niaj lokoj, la maneĝo estis ĉirkaŭata per feraj kadroj. Du potencaj leonoj paŝis en la kaĝon kaj post ili la aliaj reĝoj de l' forto. „Cezar! Herkulo! Agamemnono, Odiseo, Hektoro, Kambizo! Ĉi tien! *Vite, vite! Ah, mon cher.*"Kaj tiam denove germane kun



franca akcento: Havu la bonecon, amiko mia." *Mademoiselle* Claire, ho, vi, plej kruela fianĉino! Kun levita brako, kun minacanta afableco



ŝi subigas la volon de siaj furiozaj sklavoj. Ŝia blanka kolo allogas kiel dolĉaĵo, ŝia brila kolo estas ja la idealo de ŝiaj ege blekantaj adorantoj. „*Ah, messieurs!* Hektoro! Agamemnono, Kambizo! Manĝon! *S'il vous plait.*"Kaj ŝi servas al ili sangantajn frandaĵojn.

*(el: „En la cirko" de Else Lasker-Schüler, elektis kaj tradukis Donjo)*

## Kion la cirko donis al mi?

Mi ne scias precize, kion la cirko donis al mi. Krom tio, ke mi vidis en ili homojn, kiuj riskas kun beleco sian vivon por la plezuro de siaj proksimuloj, sed mi pensas, ke tio jam sufiĉas.

*(Maksim Gorkij)*



## Iru en la cirkon!

Iru en la cirkon. Ĝi estas grandega ronda pelvo, en kiu ĉio turniĝas en cirkloj. Seninterrompe. En ĉiamaj periodoj. Iru en la cirkon.. Savu vin de viaj kvarangulоj, de viaj geometraj fenestroj, kaj vojaĝu en la landon de la turniĝantaj cirkloj. Trarompu la limojn, kresku, strebu al libero – tio estas tiel homa! La rondo estas liberigo. Ekzistas nek komenco nek fino.

*(Fernand Leger)*



# VIAJ OPINIOJ

## FAKTOJ PRI LA FAŜISMO

Ricevinte antaŭnelonge n-ron 132 de "Sennacieca Revuo" mi kelkfoje dum lastaj tagoj kun granda scivolemo kaj plezuro prenadis ĝin en manojn, trafoliumadis kaj legis. Mi ĝuis intelekte profundajn kaj pripensindajn tekstojn ekde "Iu revolucia mondkoncepto" de Djemil Kessous ĝis "Unu mondetiko de tutmondiĝo" de Kep Enderby, interesajn kulturhistoriajn tekstojn, belegajn kaj saĝegajn poemojn de Cez (precipe al mi plaĉis lia poemo "La sonĝo", kvankam nek la aliajn mi trovas malpli plaĉaj), sed rilate al teksto (en interreta Esperantujo jam pli-malpli konata) de Ruben Feldman Gonzalez "Faktoj pri la faŝismo en la pasintaj 200 jaroj" kaj kaŭze de ĝia publikigo en suplemento al organo de SAT por jaro 2004 mi trovis necesa miastarpunkte reagi kiel samasociano de Ruben Feldman Gonzalez kaj en universalhumanisma asocio Ligo "Humanitas" <www.geocities.com/ligohumanitas> kaj en Sennacieca Asocio Tutmonda.

Ja laŭ laborkriterio akceptita en la menciita teksto de samasociano Gonzalez "faŝismo estas ĉiu ideo aŭ ago kiu kontraŭas la principojn de la Franca Revolucio je la fino de la 18-a jarcento kaj komenco de la 19-a" (paĝo 19, kolumno 1). Tiuj principoj, klarigas daŭre samasociano Gonzalez, estas: "totala libereco de la persono kaj de la politiko, egaleco ekonomia, eduka kaj jura de ĉiuj homoj senescepte kaj frateco (ne hierarkio) en homaj rilatoj kaj institucioj" (paĝo 19, kolumno 1). Sekve, ĉiuj homoj kiuj senrezerve ne akceptas tiujn principojn - estas, aŭ almenaŭ povus esti, laŭ samasociano Gonzalez, konsiderataj faŝistoj (eble inkluzive preskaŭ ĉiujn korifeojn de la eŭropa humanismo kaj pensulojn de la epoko de klerismo, kvankam ili vivis dum iom pli ol antau 200 jaroj!).

Sendube, (principa) revo de humanistoj (ĉu la korifeoj de la eŭropa humanismo aŭ de plimulto da modernepokaj humanistoj) estas ke laŭeble egalrajte ĉiuj homoj partoprenu en komunsociaj (pli simple dirite - komunaj) aferoj (kampo de t.n. politiko), sed - laŭ grado de antaŭa sukcesa disvastigado de kritikracia klereco inter homoj. Unuavide al ni ĉiuj tre alloga kaj intertempe en tiu aŭ alia formo en preskaŭ ĉiun modernepokan socion konstitucie enkondukita ĝenerala voĉdonrajto, ebliganta formale egalrajtan partoprenon en komunaj aferoj de homoj nekleraj (kaj duonkleraj) same kiel de homoj kleraj, konsiderante fakton ke homoj nekleraj (kaj duonkleraj) bedaŭrinde ĉiam ankoraŭ pli abundas sur la terglobo ol homoj kleraj* (kompreneble, diversgrade en diversaj socioj) estas tre, tre danĝera afero.

Dank' al fulmotondra formaljura - sen antaŭe atingita kleriga - egaleco de plimulto da homoj en tiu aŭ alia socio, povas esti en ĝi, precipe en krizaj periodoj, demokratie elektita tirana reĝimo, ankaŭ faŝista (kiel tio okazis en Germanio kun unu el la plej kleraj eŭropaj civitanaroj, sed travivinta profundan ekonomian krizon en tridekaj jaroj de la 20-a jarcento). Nekleraj (kaj ankaŭ duonkleraj) homoj estas facile trompataj de samnacia ruza, inteligenta, elito, celanta demagogian kontentigon de plej elementaraj instinktoj de plimulto da malpli kleraj samnacianoj por de tio ekonomie kaj/aŭ politike mem profiti.

Klerigado, t.e. kleriga progresigado, de popolamasoj (humanistoj preferas uzi vorton - popolo) apenaŭ eblas se ĉiuj homoj estas antaŭe socie egalrajtaj! Se estas socie egalrajtaj (t.e. samrajtaj), ni prenu la ekstreman ekzemplon, humanisme altedukita intelektulo en solida aĝeco kun multe da vivsperto kaj tre juna homo apenaŭ sukcesinta akiri ian elementan edukon kaj iom da vivsperto - la klerigado de la junulo apenaŭ eblas. Pli aĝa humanisme altedukita intelektulo - sen de la socio agnoskata pli alta aŭtoritato - estas se ne de ĉiuj almenaŭ de plimulto da junuloj kun elementa eduknivelo kaj nur iom da vivsperto priridata (memkompreneble ĉar li estas de ili nekomprenata dum li ilin - vane - komprenas).

Estas mondkonata sentenco ke "homo sen eduk(itec)o estas besto", t.e. ke en lia vivo instinktoj dominas super la cerbo (pri kio diversmaniere kaj diversforme avertadis multaj plej elstaraj pensuloj de la pasinteco). Kvankam iom malrekte, aŭtoro de la teksto "Faktoj pri faŝismo" ja konfesas la samon. Bonvolu ree tralegi subajn citaĵojn post la asterisko. Kompreneble, oni devas diferenci humanisman kritikracian edukitecon de la faka, specialista (celo de la humanista kritikracia edukiteco estas, mi povas tiusence absolute konsenti kun samasociano Gonzalez "la formigo tutmonde de homo racia, paca, amikema, etika kaj sana" (paĝo 19, kolumno 2), kvankam mi preferus nepre aldoni ankaŭ: klera, homama, komprenema, tolerema, afabla, kun senco rilate sciencon, kulturon kaj arton, kun bona gusto, kun ekologia kaj civitana konscio.

Laŭ mi (kaj certe ne nur laŭ mi), nur metafore oni povas diri ke ĉiuj homoj estas (aŭ devus esti) fratoj. Ja sur unuaj paĝoj de la Biblio estis priskribita mortigo de unu frato far' de la alia. Ho, kiom ofte en la homa historio t.n. frataj popoloj (kvankam, fakte - ĉiuj popoloj estas pli aŭ malpli frataj) militis unu kontraŭ la alia, eĉ plej kruele! Ne hazarde estas en la tuta mondo konata sentenco ke "amiko (al la homo) estas ofte pli bona ol la frato" (do, ke ne ĉiu frato - ankaŭ en la plej vasta senco de la vorto - estas al la konkreta homo amiko).

Erasmo el Roterdamo (1466-1536), same kiel pli-malpli ankaŭ aliaj korifeoj de la eŭropa humanismo (kiel intelekta, kultura kaj morala movado nakiĝinta en Eŭropo en 14-a - 15-a jarcentoj), estis se ne unua almenaŭ unu el unuaj eŭropaj pacifistoj (li estis akrega, senkompata kritikanto de la milito), sed li komprenis ke, bedaŭrinde, iam eĉ apliko de la perforto estas necesa en intereso de la komuna bono (kondiĉe ke pri tiu apliko estas atingita laŭeble pli vasta konsento en la komuno). Hierarkia socia organizo (sed, neekstrema, nerigora, nestatika, malfermita, dinamika), laŭ opinio de korifeoj de la eŭropa humanismo estas je intereso de la komuna bono (almenaŭ se kaj ĝis kiam ne estos atingita ĝenerala humanisma kritikracia klereco de ĉiuj homoj, se ĝi iam ajn estos atingita!).

Mi bedaŭregas ke samasociano Ruben Feldman Gonzalez en sia mirinde erudicia teksto "Faktoj pri faŝismo", plena de multegaj absolute veraj faktoj, ĝustaj observaĵoj kaj prudentaj konkludoj, permesis al si - de loko al loko - iom troan simpligon, nigroblankigon de la pritraktata afero (ja fama "Franca revolucio je la fino de la 18-a jarcento kaj komenco de la 19-a jarcento" el la aŭtentikhumanisma vidpunkto krom kelkaj por sia tempo tre progresaj rezultoj, havis ankaŭ kelkajn tre malhelajn flankojn, samkiel ekstrema marksisma socialismo kiun la aŭtoro, ŝajnas, tre simpatias (vidu paĝon 27, kolumno 3). Mi (kiel eksjugoslaviano) iom miras kial samasociano Gonzalez evitis mencii Tito-n, estinta la plej milda el menciitaj de li (kaj rekomendataj por konatiĝo kun iliaj vivoj kaj instruoj) gvidantoj de marksisma socialismo - Marx, Lenin, Mao, Ho Ĉi Minh, Ĉe Guevara, Fidel Castro? (Kun ĝojo mi konstatas ke samasociano Gonzalez evitis mencii almenaŭ Stalinon.)

Certe la "faŝismaj junuloj plurfoje estas analfabetoj" (paĝo 27, kolumno 3), sed mi havas similan impreson ankaŭ rilate "plurfojajn" junajn (kaj nejunajn) marksismajn

socialistojn, verdulojn, kontraŭglobalistojn, multkulturistojn, eĉ rilate iujn aktivulojn de E-movado. Analfabetoj kaj "lernejaj katastrofoj" sufiĉe oftas inter aktivuloj de plej diversaj ideologiaj kaj religiaj (kompreneble, ankaŭ religioj estas nur speco de ideologio) movadoj. Samtempe, analfabetoj (same junaj kiel ankaŭ maljunaj) malmultas en humanisma movado, kiu estas iom pli postulema rilate personan intelektan kaj moralan nivelon. Kaj tio estas unu el ĉefaj kialoj kial humanisma movado, precipe la aŭtentika humanisma movado, estas ĉiam ankoraŭ tre limigite disvastigita, ne amaspopulara.

Kial skribi ke "La historio montras ke rusoj (germanoj, ktp.) povas esti ĉu bonaj, ĉu malbonaj, sed ke judoj povas esti nur "malbonaj"? Ja milionoj da homoj en la mondo kredas kaj adoras unu judon (Jesuo - Jehoŝua el Nazareto) kiel Dion kaj eĉ lian patrinon (Maria - Mirjam) kiel dipatrinon. Milionoj da homoj en la tuta mondo estas persone nomataj de siaj gepatroj laŭ nomoj de apostoloj el evangelioj, kaj - oni ne forgesu - ĉiuj apostoloj estis ja - judoj!

Iom pli atenteman leganton de la teksto "Faktoj pri faŝismo" povus iom mirigi aserto de samasociano Gonzalez ke "Inteligenteco ne estas unu al la kultoj de la homaro." (paĝo 25, kolumno 2) aŭ ke "La historio de la homaro, skribita dum lastaj 5 mil jaroj, montras rifuzon uzi la inteligenton homan." (paĝo 27, kolumno 3). Laŭ kriterioj de samasociano Gonzalez mem, tiuj asertoj, certe iom desupraj rilate plimulton da homoj kaj eĉ rilate la tutan homaron, almenaŭ elprenintaj el iliaj kuntekstoj, povus esti traktataj de iu aŭtoro de analoga - eble iom tre emocia - kontraŭfaŝisma teksto - kiel la faŝistaj.

Faŝismo, laŭ mi, estas nur (do, nek pli nek malpli ol tio) unu el ideologiaj produktoj de nesufiĉa klereco (oni ne forgesu ke kvankam partoj de semantikaj kampoj de vortoj edukiteco kaj klereco koincidas, ne temas, tamen, pri sinonimoj!), manifestiĝanta kiel nekomprenemo (pro nekapablo kompreni) kaj (emfazite, senskrupule, fanatike perforta) netoleremo rilate aliajn gentojn (popolojn) kaj iliajn pli aŭ malpli specifajn civilizajn kaj kulturajn tradiciojn. Tiuspecaj idearoj kaj agaroj multegis en historio de la homaro (kaj oni povas trovi iliajn multajn ekzemplojn same sur paĝoj de la Biblio, unuavice ĝia t.n. malnovtestamenta parto).

Samasociano Gonzalez - sendube laŭ sia persona mond- kaj vivkoncepto profunde humanismeca - akre (kaj prave) kritikante faŝismon, laŭ mi, iom nesingardeme permesis al si ke en lia teksto "Faktoj pri faŝismo", liaj kompreneblaj kontraŭfaŝismaj emocioj kelkloke kvazaŭ iomete estingis lian ĝenerale brilan intelekton.

Kial samligano Gonzalez skribis frazon ke "Post 1945, 30% el la katolikaj germanoj favoris nazi-faŝismon malgraŭ la katastrofo germana kaj tuteŭropa, simple ĉar esti faŝisto signifis (tiam kaj tie) ion patriotan kaj eĉ religian" (paĝo 25, kolumno 3). Eĉ se statistiko en tiu frazo estus fidinda (fonto?), neatentema leganto el tia frazo pretervidus ke, do, 70% el la katolikaj germanoj ne favoris nazi-faŝismon!

Oni ne devus forgesi ke kristanismo (vere, unuavice evangelia, sed ne nur) estas - kun antikva helena kritikracia penso - unu el du ĉefaj radikoj de la aŭtentika eŭropa humanismo, kies multajn fruktojn ĝuas nia epoko, cetere ankaŭ de la marksisma socialismo (ja ne estas mirinde ke elstara angla humanisto sir Thomas More estas de komunistoj konsiderata unu el ideaj patroj de la komunisma movado kaj en la Katolika eklezio la sama elstarulo estas proklamita la sanktulo).

Permesu al mi fine de ĉi-reago je teksto de samasociano Gonzalez "Faktoj pri faŝismo" aldoni unu mian personan sperton: certe ne estas facile vortigi sufiĉe konsistencajn, interne koherajn teoriojn pri stato de tiu aŭ alia homa afero (kiel tion - eĉ se eble pedagogicele? iom blanknigrige - rilate faŝismon faris samligano Gonzalez), nek estas facile esploradi eblajn solvojn de problemoj de la mondo kaj homaro rilate pli bonan kaj belan estontecon (kiel tion rilate mondetikon de tutmondiĝo faris Kep Enderby), sed plej malfacile estas fari eĉ unu konkretan tiusencan, tiudirektan paŝeton. Nemalmultaj esperantistoj sin pretas deklari kiel homoj humanismemaj, progresemaj, tamen en praktiko nemultaj pretas, por helpi maksimume eblan realigon de humanismaj idealoj, sin persone iom engaĝi (precipe ne dediĉante al praktika realigo de humanismaj idealoj sian tempon, prenante sur sin respondecan taskon en iu humanisma projekto, finance ĝin persone laŭeble helpante).

Ni esperu ke - kunlabore de Ligo "Humanitas" kaj Sennacieca Asocio Tutmonda - ĵus lanĉata projekto de Humanista Frakcio de SAT <www.geocities.com/humanistujo> ĝuos eĉ se ne tiom amasan kiel en kazo de Ligo "Humanitas", sed tamen fortan, realan apogon de membroj de SAT kiel humanisme eble plej engaĝiĝemaj esperantistoj.

De samasociano Gonzalez ni atendas novajn kvalitajn kaj samgrade erudiciajn tekstojn pri aktualaj problemoj de la mondo, sed, mi petas, laŭeble malpli blank-nigrajn, laŭeble malpli simpligitajn tekstojn. Ni pretas pli profunde cerbumi!

*Mato Špekuljak*

*Samligano Gonzalez konfesas en sia teksto ke "Ne edukitaj personoj estas bonaj sklavoj kaj facile akceptas la emocian (ĉiam malaman) faŝisman ĵargonon." (paĝo 23, kolumno 1), "La manko de intelekta kvociento aŭ la manko de bona eduko favoras la kun-ekziston de kontraŭdiraj ideoj en la sama kapo." (paĝo 23, kolumno 2), "konfuzitaj kaj nekleraj personoj tuj kredis ke tiu aserto (temas pri iu aserto de Le Pen, citita de samligano Gonzalez, rilate fremdulojn en Francio, rim. de M.Ŝ.) estis vera." (paĝo 25, kolumno 2) kaj, fine, "inteligenteco ne estas unu el kultoj de la homaro." (paĝo 25, kolumno 2)

*Humanista Frakcio de SAT celas popularigadon de klereco, homamo, civilizeco, pacemo, toleremo, senco por kulturo kaj arto kaj de aliaj universalaj humanismaj valoroj (latinlingve "humanitas") inter monda esperantistaro samkiel popularigadon de Esperanto inter humanistoj-neesperantistoj.*

*En la moderna mondo agas cento da naciaj kaj kelkaj internaciaj humanistaj organizaĵoj. Humanista Frakcio de SAT estas unika sekularhumanista grupo en la mondo kiu agas ekskluzive en esperanto. La 1-a Jarkunveno de Humanista Frakcio de SAT okazos dum la 77-a kongreso de SAT en aŭgusto 2004 en Bratislavo (Slovakio).*

*Aliĝo al Humanista Frakcio de SAT kaj membreco en ĝi estas senpagaj. Humanista Frakcio de SAT finance funkcias nur dank' al libervolaj donacoj de siaj membroj kaj amikoj. Siajn presitajn materialojn Humanista Frakcio de SAT publikigas en organo de Sennacieca Asocio Tutmonda - monata revuo "Sennaciulo" kaj ĝia jara suplemento "Sennacieca Revuo".*

## El la SAT-sidejo
## 67 avenue Gambetta
## FR-75020 Paris

**NOVALIĜOJ**

35.694* Komad Miroslava, Knez Danilova 36, YU-11000 Beograd, Serbio-Montenegro.

35.695* Majstorovič Ljubinka, Vidovdanska 2c, YU-11000 Beograd, Serbio-Montenegro.

35;696* Nikolaidis Malina, Arsenija Ĉarnojeviĉa 111/3, YU-11070 Novi Beograd, Serbio-Montenegro.

**HELPO AL LA ASOCIO**

**En Francio** (€) Ge-Raurich 25,00; Vieillefond 5,00; Grollemund 5,00; Membrado 5,00; Peyrouty 5,00; anonime 250,00;
**En Hispanio** (€) M. de Seabra 8,00;
**En Pollando (PLZ)** Bogdziun 22,00; Burszta 22,00; Dabek 22,00; Solecka 20,00; Ulanovski 7,00; Janusz 12,00; Jesion 7,00; Kossakowski 2,00;

**FONDUSO REELDONO PIV**

Yamasaki Seiko 100,00 €;U.Rehnkvist 200,00 SEK; Aumeunier 100,00 €; A. Weiss 150,00 €; S. de Weerd 200,00 €;

**NEKROLOGO**

En Ostrava (CZ), mortis 75-jara, nia kamarado,

**Drahomir KOČVARA**
**(matr. 34.803)**

Ni kondolencas al lia edzino kaj aliaj familianoj.



## VIAJ OPINIOJ

### Parta respondo al demandoj, demandoj...

Mi nur parte respondas al la multaj demandoj de Nora Caragea (Sulo 200405, p.72). Mi ne estas porparolanto de la PK.

Ĉar la sidejo de SAT estas en Parizo, SAT leĝe funkcias konforme al la franca juro. Tio nur koncernas la rilatojn de SAT kun francaj publikaj kaj privataj instancoj, sed ne ĝian internan funkciadon. Laŭ la franca leĝo ĉiu asocio devas havi prezidanton, kiu respondece reprezentas ĝin en ĉiuj juraj aferoj. Tiu prezidanto nature konfuziĝas kun la prezidanto de la PK. Tio estas sufiĉe peza respondeco, kiu pravigas, ke oni interne ne tro ŝarĝu tiun prezidanton per vanaj ĉikanoj. Kun tia minimuma krompovo, kia estas decida voĉo "en (maloftega) okazo, se ĉe voĉdono montriĝas egala nombro da por- kaj kontraŭvoĉoj", la prezidanto devas havi nereduktitan esprimrajton. Logike, la sama homo estas "prezidanto de SAT", kiam li esprimiĝas nome de SAT, "prezidanto de la PK", kiam li esprimiĝas nome de la PK, kaj (nun, en 2004) "Jakvo", kiam li reprezentas nur sin mem, kiel ĉiu ajn SAT-ano. En praktiko, en kaj ekster SAT, oni konstante konfuzas "prezidanton de la PK", "prezidanton de SAT" kaj la kamaradon mem, kiu plenumas tiun respondecon kun minimuma krompovo. Kiam ĝi ne estas simpla eraro sed havas celon, tiu konfuzo ne ĉiam estas bonintenca nek bonefika premo sur la personon de la reprezentanto de SAT. Lanti notis: "La danĝero estas, ke multaj opinias, ke miaj personaj ideoj estas la oficialaj SAT-ideoj." (Historio de SAT, p.80). Simila konfuzo trafas foje ĉiun ajn PK-anon. Tial ofte PK-anoj tro malvolonte esprimas propran opinion, pri kiu ili antaŭe ne interkonsentis kun kolegoj. Lastanalize, tiu konfuzo estas ignorinda bagatelo: ĉiu SAT-ano devas havi nedifektitan esprimrajton kaj eksterSATan vivrajton.

La fakto, ke la PK, respondeca kun helpo de redakta komisiono pri la enhavo de Sennaciulo, plenumas sian taskon decidante pri publikigo aŭ ne de kontribuoj, havas nenion komunan kun cenzuro.

Esperinde, la venontaj kongresoj evitos perdi tempon en vanaj polemikoj.

Petro Levi 23111.




# 77-A SAT-KONGRESO BRATISLAVA (SK) 2004-08-14/21

**Organiza garantianto** : KAVA-PECH, kongresa kaj kleriga agentejo de Petro Chrdle, kunorganizanto: ESO, Esperanto-Societo Bratislava.
**Koresponda adreso:** KAVA PECH, Anglicka 878, CZ-25229 Dobrichovice. Tel: +420 257 712 201; fakso: +420 257 712 126; rete: info@kava-pech.cz; http://www.kava-pech.cz.
**OKK:** Petro Chrdle, Zdenek Pluhar, Jana Melicharkova, Jarmila Rechtorysova, Marteno Minich.
La 77-a SAT-kongreso okazos unuan fojon en Slovakio, precize en ĝia ĉefurbo Bratislava, kiu logas kaj pro sia beleco urba, kaj pro la konekto kun bela naturo: rivero Dunaj (Danubo), montetaro Malé Karpaty (Malgrandaj Karpatoj).

| Kongreskotizoj (en Eŭroj) | | | | Ekde 01.07.2004 |
|---|---|---|---|---|
| SAT-membro | | | | 85 |
| SAT-geedzoj (se ambaŭ) | | | | 125 |
| SAT-junul(in)o ĝis 25 j. | | | | 40 |
| Nemembro de SAT | | | | 100 |
| Junula nemembro de SAT | | | | 50 |

Infanoj ĝis 10-jaraj ne pagas kotizon.
La partoprenantoj el CZ, HU, PL, SI, SK ĝuas 30% rabaton. La partoprenantoj el AL, BG, RO, eksa YU (krom SI, eksa SU kaj ekster Eŭropo (krom Aŭstralio, Israelo, Japanio, Kanado, Korea Respubliko, Sud-Afriko kaj Usono) ĝuas 50 % rabaton.

**ATENTU : Personoj el landoj, kiuj bezonas enirvizon por Slovakio devas indiki tion antaŭ la 30-a de aprilo 2004. Pli poste ne plu eblos trakti tion. La partoprenantoj de la postkongreso konsideru, ke la postkongreso okazos en alia ŝtato (Ĉeĥio) ol la kongreso. Tial oni devas prizorgi apartan enirvizon, se ĝi estas postulata.**

## La tria bulteno dissendita:

Ni dissendis la 3-an bultenon al ĉiuj aliĝintoj. Tamen ni jam spertis, ke iuj precipe retaj aliĝiloj (aŭ mendoj) ne atingis nin kaj memkomprene eĉ letero povas perdiĝi. Tial mi urĝe petas ĉiujn aliĝintojn, kiuj ne ricevis la konfirmilon kun la 3-a bulteno aŭ kiuj trovis iujn malkongruojn inter konfirmilo kaj viaj mendoj, resp.pagoj, ke vi tuj skribu (ĉu rete, fakse aŭ perpoŝte) al OKK, ke ĉiuj malklaraĵoj klariĝu se eble pli frue ol post via veno.

**La lastaj informoj por la kongresanoj:** ĉiuj aliĝintoj ricevos ankoraŭfoje koverton kun la lastaj informoj, kiuj enhavos precizan priskribon de atingeblo de la kongresejo (hotelo Bratislava) kaj studenta hejmo, kaj peraŭte, kaj per urbaj trafikiloj de ĉiuj eblaj flughavenoj kaj internaciaj trajna kaj aŭtobusa stacioj. Tiuj, kiuj antaŭmendis la semajnan bileton por la urbaj trafikiloj ricevos ankaŭ ĝin por povi uzi ĝin tuj dum sia unua veturo kun valizo por ne devi serĉi monŝanĝejon kaj biletgiĉeton aŭ batali kun la biletaŭtomato.

**Ne plu uzu pagojn pere de UEA-konto**, se vi ne ankoraŭ faris ĝis nun, ĉar estas danĝero, ke ĝis la komenco de la kongreso ni ne ricevus informon pri via pago!

## Postkongreso en Prago:

Laŭ la nombro de postkongresanoj, kiuj venos peraŭte ni la unuan tagon de la kongreso faros enketon pri la vojaĝo inter Bratislava kaj Prago. Estas jenaj ebloj: aŭ ni uzos niajn aŭtomobilojn (se ili estos sufiĉaj), aŭ ni mendos specialan aŭtobuson (la prezo dependas de la nombro de vojaĝantoj), ambaŭkaze ni havus bonan ŝancon survoje viziti belan sudmoravian urbeton Valtice, en kiu dum tiu tempo okazos Esperanto-ekspozicio en la konstruaĵo de agrikultura muzeo, kies direktoro estas esperantisto Jaroslav Pokorny.

NOVAJ ALIĜINTOJ
121. William Holden SIMCKOK, GB
122. Umbina NESTOROVIĆ, YU
123. Hans RODEWIG, DE
124. Raymond WYLLEMAN, BE
125. Sandor HORVATH, AU



ANKORAŬ ESTAS TEMPO POR ALIĜI !
VENU KUN NI POR KONGRESI KAJ TURISMI EN SATECA ETOSO !

## Ni legis por vi...

# POR SCII KAJ NE FORGESI

La kontraŭjuda teorio de Hitler al kiu li ligis Esperanton estis konata, kiam li iĝis kanceliero de Germanio, la 30-an de januaro 1933, kaj la fakto, ke svastiko kaj verda stelo kune flirtis por ornami la kunvenejon de la 25-a universala kongreso de Esperanto en Kolonjo, ses monatojn poste, ne povis trompi kaj




trankviligi.

Sekvis plej abomena homa tragedio, naziismo kaj dua mondmilito, kiujn, ankoraŭ nuntempe, multaj el ni ne povas forviŝi el sia memoro. Iuj sentas la nepran bezonon atesti ĉiurimede por ke la pli junaj kaj estontaj generacioj ne ignoru kaj ne forgesu. Al tiuj torĉoportantoj por omaĝo al niaj martiroj, kaj pro rememora devo, apartenas Zofia Banet-Fornalowa.

Ne necesas prezenti ŝin.

Ja, prelege, artikole kaj eldone ŝi estas konata, precipe pro la serioza kvalito de siaj prilaboraĵoj kaj sindonemo.

Ne eblas citi ĉion de ŝi kadre de tiu ĉi artikolo, sed pri du verkoj ŝiaj mi volas emfazi:

- **"La familio Zamenhof"** (reviziita represo en 2001 eldone de "Kooperativo de Literatura Foiro") - 228-paĝa - genealogie multilustrita plus 2 mapoj - Prezo kaj vendokondiĉoj : 28 € - aĉetebla ĉe libroservo de Kooperativo de Literatura Foiro, UEA kaj ĉe la aŭtorino.

- **"La Pereintoj In Memoriam"** de la eldonejo Hejme (2003) - 280-paĝa - kun portretoj.

Prezo kaj vendkondiĉoj: 27 €, aĉetebla ĉe libroservo de UEA aŭ ĉe la aŭtorino.

La Esperanto-komunumo pagis tre altan tributon pro la sovaĝa nazia ideologio. Senkulpuloj estis amase martire neniigitaj, ankaŭ germanoj de germanoj, kaj ne malmultaj pro esperantismo. Tion-ĉi skribante mi ne povas ne pensi pri same kompatindaj viktimoj de stalinismo en Sovet-Unio iom antaŭ la dua mondmilito.

La tri plej emblemaj figuroj de esperantismo, nome la tri gefiloj de D-ro Esperanto, Adamo, Sofia kaj Lidja, estis murditaj sur la denaska tero. Pri ili kaj aliaj samfamilianoj temas en la unua de mi citita verko de Zofia Banet-Fornalowa.

Ses pliajn viktimojn de holokaŭsto el niaj rondoj la aŭtorino omaĝas en **"La Pereintoj In Memoriam"** : Leo Belmont, Halina Weinstein, Edvardo Wiesenfeld, Jakobo Ŝapiro, Izrael Lejzerowicz kaj Salomon Kornfeld-Grenkamp, poldevenaj judoj kaj multmeritaj esperantistoj. Ĉiuj mortis en fifamaj naziaj neniigejoj : la kvin unuaj sur pola teritorio kaj la sesa, ankaŭ de germanaj nazioj, sur franca teritorio.

Por ĉiu el tiuj ses nomoj la aŭtorino analizas prihistoriajn faktojn.

Se elektitaj eroj de originalaj tekstoj pri aŭ de tiuj karmemoruloj dumvive meritis esti represitaj, enpreno de poemoj omaĝoj de nuntempuloj signifas, ke pludaŭras la rememoro.

Fine de la libro la aŭtorino prezentas sin kaj siajn verkojn. Ŝi krome kutimas aldoni indekson de personoj, kio estas tre utila por retrovi cititajn nomojn sen ĉiufoje relegi la tutan libron.

Por scii kaj ne forgesi, ne malhaveblaj estas la verkoj de Zofia Banet-Fornalowa, ne nur la du ĉi-supre nomitaj, sed mi pensas ankaŭ pri **"Historio de la Esperanto-movado en Bjalistoko"**, **"Antoni Grabowski eminenta Esperanto-aganto"**, pri skizoj de teatro en Esperanto al kiu nedisigeble ligata estas ŝia edzo, bone konata, Jerzy Fornal, ktp.

Zofia kaj Jerzy enradikigas niajn historion kaj kulturon.

Al ili ni ŝuldas dankojn.

*Jean Amouroux*